# Boletín

Bulteno de Hispana Esperanto-Federacio
Aperanta de 1949
Numero 386 (januaro-marto 2009)

**Ĉefredaktanto:**
Ángel Arquillos
**Kunlaboris:**
Antonio Marco Botella, Lorenzo Noguero, Jorge Pavón, Augusto Casquero, Jorge Camacho. Andrés Martín, Luis Serrano, Kani, Wolfgan Guenther, Salvador Aragay, M.Zocato.
**Korektado:** Alejandro Pareja
**bulteno@esperanto.es**
Calle Ánfora, 6-5º-D
29013-Málaga

*Pri la enhavo de la artikoloj respondecas nur la respektivaj aŭtoroj.
*La redaktanto rajtas rifuzi nepetitajn artikolojn
*Estas permesite republikigi la enhavon menciante la fonton kaj sciigante la redakcion.



Hispana Esperanto Federacio
Federación Española de Esperanto
Rodríguez San Pedro, 13, 3º, 7;
ES-28015 Madrid

admin.@esperanto.es
Tel (34) 914468079
Konto ĉe BBVA:
0182-1252-31-0204011961

## Estraro



Presejo:Gráficas Aurora. Zaragoza
DL-Z-334-90

## ENHAVO



Ĉefa kovrilo desegnita de A.Arquillos

**68a Hispana Kongreso de Esperanto kaj 14a Andaluzia Kongreso 2009
De la 2a ĝis la 5a de Julio
Malago**

## ASAMBLEA GENERAL EXTRAORDINARIA

El Presidente les invita a asistir a la Asamblea General Extraordinaria, que tendrá lugar el 26 de abril de 2008, domingo, a las 9:30 horas (a las 10:00 en segunda convocatoria), en el Centro Dotacional Integrado, calle Canarias, 17, Madrid, con el siguiente orden del día:

1.- Aprobación de las cuentas y Tesorería del 2008.
2.- Aprobación de la Memoria de actividades de 2008.
3.- Ruegos y preguntas.

IMPORTANTE: Los miembros de la Federación que deseen ser representados por algún otro socio, por favor que envíen un mensaje comunicándolo, indicando claramente el nombre completo del representante y representado, al buzón electrónico: admin@esperanto.es, antes del 24 de abril.

El Presidente de HEF
Arturo Jiménez

## EKSTERORDINARA ĜENERALA KUNSIDO

La Prezidanto alvokas vin ĉeesti Eksterordinaran Ĝeneralan Kunsidon, kiu okazos la 26-an de aprilo de 2009 (dimanĉe), je la 9:30 horo (je la 10:00 horo dua alvoko), en la "Centro Dotacional Integrado", strato Canarias, 17, Madrido, laŭ la jena tagordo:

1.- Aprobo de la kontoj kaj kas-stato de 2008.
2.- Aprobo de la Raporto pri aktivaĵoj de 2008.
3.- Sugestoj kaj demandoj.

GRAVA RIMARKO: La membroj de HEF kiuj deziras esti reprezentataj de iu alia membro, bonvolu transdoni mesaĝon informante pri tio, kun klara indiko de la kompleta nomo de la reprezentanto kaj de la reprezentato, al HEFa retpoŝta adreso admin@esperanto.es, antau la 24a de aprilo.

La Prezidanto de HEF
Arturo Jiménez

## BALANCE DE SITUACIÓN (PENDIENTE DE APROBACIÓN)

| ACTIVO | 2008 | 2007 |
|---|---|---|
| A) **ACTIVO NO CORRIENTE** | 62.390,91 | 62.390,91 |
| II. Inmovilizado material | 62.390,91 | 62.390,91 |
| 1. Terrenos y construcciones | 60.101,21 | 60.101,21 |
| 211. Construcciones | 60.101,21 | 60.101,21 |
| 2. Otro inmovilizado material | 2.289,70 | 2.289,70 |
| 232. Biblioteca | 2.289,70 | 2.289,70 |
| B) **ACTIVO CORRIENTE** | 33.403,39 | 22.593.17 |
| II. Existencias | 2.924,60 | 1.739,31 |
| 1. Comerciales | 2.924,60 | 1.739,31 |
| 300. Libros y material diverso | 2.924,60 | 1.739,31 |
| III. Deudores y otras cuentas a cobrar | - | 142,10 |
| 1. Deudores por prestación de servicios | - | 118,00 |
| 470. Socios | - | 118,00 |
| 3. Deudores varios | - | 260,10 |
| 440. Deudores Varios | - | 260,10 |
| V. Inversiones financieras a corto plazo | 23.131,23 | 18.601,43 |
| 5. Otros activos financieros | 23.131,23 | 18.601,43 |
| 551. Cuenta corriente con socios | 131,23 | 101,43 |
| 566. Depósitos constituidos a corto plazo | 23.000,00 | 18.500,00 |
| VI. Periodificaciones a corto plazo | - | 77,73 |
| 480. Gastos anticipados | - | 77,73 |
| VII. Efectivo y otros activos líquidos equivalentes | 7.347,56 | 2.032,60 |
| 1. Tesorería | 7.347,56 | 2.032,60 |
| 570. Caja, euros | 44,65 | 74,77 |
| 572. Bancos e instituciones de crédito c/c vista, euros | 7.302,91 | 1.957,83 |
| **TOTAL ACTIVO** | **95.794,30** | **84.984,08** |

| PASIVO | 2008 | 2007 |
|---|---|---|
| **A) PATRIMONIO NETO** | **95.122,84** | **84.984,08** |
| A1) Fondos propios | 95.122,84 | 84.984,08 |
| I. Capital | 84.984,08 | 83.649,98 |
| 101. Fondo Social | 84.984,08 | 83.649,98 |
| V. Resultados de ejercicios anteriores | - | 1.334,10 |
| 1. Remanente | - | 1.334,10 |
| 120. Remanente | - | 1.334,10 |
| VII. Resultado del ejercicio | 10.138,76 | - |
| 129. Resultado del ejercicio | 10.138,76 | - |
| C) PASIVO CORRIENTE | 671,46 | - |
| V. Acreedores comerciales y otras cuentas a pagar | 671,46 | - |
| 3. Acreedores varios | 671,46 | - |
| 410. Acreedores por prestaciones de servicios | 671,46 | - |
| **TOTAL PATRIMONIO NETO Y PASIVO** | **95.794,30** | **84.984,08** |




La Duria plonĝado okazis sukcese, gratulon al la partoprenintojn.

## CUENTA DE PÉRDIDAS Y GANANCIAS

| | **2008** | **2007** |
|---|---|---|
| **1. Importe neto de la cifra de negocio** | **1.644,75** | **763,07** |
| b) Prestaciones de servicios *(Venta de libros, Cursos…)* | 1.644,75 | 763,07 |
| **4. Aprovisionamientos** | **- 421,71** | **- 618,77** |
| a) Consumo de mercaderías *(Libros)* | - 421,71 | - 618,77 |
| **5. Otros Ingresos de Explotación** | **13.553,03** | **8.484,10** |
| a) Ingresos de Gestión Corriente *(Cuotas y Congresos)* | 10.534,00 | 8.484,10 |
| b) Subvenciones, Donaciones y Legados | 3.019,03 | - |
| **7. Otros Gastos de Explotación** | **5.102,77** | **- 7.013,01** |
| a) Servicios Exteriores | - 5.102,77 | - 6.579,01 |
| *a2) Reparaciones y Conservación* | *- 2,00* | - |
| *a3) Profesionales Independientes* | - | *- 704,00* |
| *a5) Primas de Seguros* | *- 160,93* | *- 74,96* |
| *a6) Servicios Bancarios y Similares* | *- 226,02* | *- 249,58* |
| *a7) Publicidad, Propaganda y Relaciones Públicas* | *- 2.795,13* | *- 3.646,72* |
| *a8) Suministros* | *- 114,69* | *- 827,25* |
| *a9) Otros Servicios* | *- 1.804,00* | *- 1.076,50* |
| b) Otros Gastos de Gestión Corriente | | - 434,00 |
| **8. Amortización del Inmovilizado** | **-** | **565,49** |
| **A.1) RESULTADO DE LA EXPLOTACIÓN** | **9.673,30** | **1.049,90** |
| **12. Ingresos Financieros** | **465,46** | **284,20** |
| b2) De Instrumentos Financieros en Terceros | 465,46 | 284,20 |
| **A.2) RESULTADO FINANCIERO** | 465,46 | 284,20 |
| **A.3) RESULTADO ANTES DE IMPUESTOS** | 10.138,76 | 1.334,10 |
| **A.4) RESULTADO PROCEDENTE DE OPERACIONES CONTINUADAS** | 10.138,76 | 1.334,10 |
| **A.5) RESULTADO DEL EJERCICIO** | **10.138,76** | **1.334,10** |

## RAPORTO PRI AKTIVAĴOJ EN 2008(RESUMO)

1. ADMINISTRADO

1.2. La estraro tute renoviĝis dum 2008.

2. PERIODA ELDONADO

2.1. Perioda eldonado: Oni regule sendis "Boletín"-on senpage al la membroj.

3. KONGRESOJ KAJ RENKONTIĜOJ

3.1. Organizado de la 67a Hispana Kongreso de Esperanto en Kuenko. Temo: *Lingvoj, Trezoro de la Homaro, Ilo por Dialogo*. De la 3a ĝis la 6a de julio.

3.2. HEJS (Junulara Sekcio) kunorganizis IRo-08 en Benicassim (Kasteljono), kune kun KEJ (Kataluna Esperanto Junularo) kaj PEJ (Portugala Esperanto Junularo). de la 14a ĝis la 16a de marto.

3.3. HEJS ankaŭ partoprenis pere de budo en la "Primer encuentro provincial jóvenes en movimiento" (unua provinca renkontiĝo movemaj junuloj), en Cabanillas del Campo, Gvadalaĥaro, la 10an de majo.

3.4. EMAS (Esperanto Manĉa Asocio) organizis la "Vinlandan Renkontiĝeton" en Valdepeñas kaj Almagro (Ciudad Real), la 5an de aprilo.

3.5. Augusto Casquero kunlaboris en la prezento de Esperanto dum la Lingva Festivalo en Nankingo (Ĉinio), la 10an kaj 11an de majo. Li ankaŭ instruis Esperanton la 17an de oktobro en Altlernejo en Foshan.

3.6. OSIEK-konferenco en Nova Gorica (Slovenio), 12an-18an de julio. La ĉefa temo estis *Fernando de Diego*, kaj Antonio Valen, membro de HEF, kontribuis al la programo.

3.7. Anoj de HEF partoprenis en la SAT Kongreso okazinta en Kazanlak (Bulgario), inter la 9a kaj la15a de aŭgusto.

3.8. Membroj de HEF, inter ili la Vicprezidanto Pedro Hernández, partoprenis en la UK en Roterdamo, inter la 19a kaj 25a de julio. Manolo Pancorbo kantis esperantajn versiojn de "La morena de mi copla" kaj "Granada" dum la Internacia Arta Vespero, kaj Solo (Eduardo Vargas) koncertis.

3.9. Kelkaj membroj de HEF partoprenis en la IJK en Szombathely (Hungario), inter la 26a de julio kaj la 1a de aŭgusto.

3.10. 16a Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo en Salou (Taragono), de la 4a ĝis la 11a de oktobro.

3.11. Membroj de HEF partoprenis en la 13a Andaluzia Kongreso de Esperanto en Kordovo inter la 7a kaj la 9a de novembro.

3.12. Membroj de HEF partoprenis en la 34a Kataluna Kongreso de Esperanto en Sabadell (Barcelono). Pedro Hernández (Vicprezidanto de HEF) faris prelegon pri la historio kaj la etnoj de la Kavkazo. de la 6a ĝis la 8a de decembro.

## 4. KURSOJ

4.1. Perkoresponda kurso.

4.2. Membroj de HEF gvidis kursojn en kelkaj urboj tra la tuta Hispanio.

## 5. KUNLABORO KUN OFICIALAJ INSTANCOJ KAJ PRIVATULOJ

5.1. HEF regule sendas la jarraporton al la Hispana Komitato pro kunlaboro kun UNESKO.

5.2. HEF sendis leteron al hispana delegito de la ONU en Bruselo rilate al Esperanto kadre de la Internacia Jaro de la lingvoj.

5.2. Raúl Martínez helpis al la fondaĵo *Xosé T. González* el Albaceto en la traduko al Esperanto de la libro *Huye, hombre huye* de Xosé Tarrio González.

5.3. HEF helpis al la asocio *Como tú, como yo* en la traduko al Esperanto de kanto inkludita en DVD kontraŭ militoj.

## 6. DISVASTIGO

6.1. Okazis Bibliografia Esperanto-Ekspozicio en Madrido, de la 11a februaro ĝis la 10a de marto en la komerca centro "Gran Vía de Hortaleza". La temo: "Esperanto: el la individua al la kolektiva kreado".

6.2. La 14an de februaro, Javier Martín prelegis pri Esperanto ĉe la libro kaj muzikvendejo "FNAC" en la komerca centro "La Cañada", Marbelo (Malago).

6.3. La 17an de aprilo Toño del Barrio prelegis *pri Esperanto kaj la Internacia Jaro de Lingvoj en* la “Casa de Guadalajara” en Madrido.

6.4. La Tago de Libro (*23an de* aprilo) HEF havis budon surstrate en Madrido dum kvar horoj. Oni vendis kelkajn librojn kaj disdonis multajn broŝurojn pri Esperanto.

6.5. La 12an de majo, ONCE (Nacia organizaĵo de blinduloj) disvendis loterian kuponon dediĉitan al Zamenhof, rilate al la Internacia Jaro de Lingvoj.

6.6. la 23an de junio Juan del Castillo prelegis pri la lingva diverseco de la mondo en la “Cercle Catalá/Círculo Catalán” en Madrido.

6.7. Inter la 1a kaj la 28a de septembro okazis ekspozicio en la “Casa Pere Quart” de Sabadell (Barcelono) dediĉita al samideano Jaime Viladoms (1913-1976), kun la helpo de membroj de KAE (membro de HEF).

6.8. La 14a de oktobro Miguel Gutiérrez Adúriz prelegis pri Esperanto en mezlernejo en Torrelavega (Kantabrio).
6.9. KantEA (membro de HEF) donacis ekzemplerojn de la libroj Esperanto (lernolibro), El Esperanto, lengua y cultura, kaj la DVD Esperanto Elektronike al la popola biblioteko Gabino Teira kaj al la Kulturdomo de Torrelavega (Kantabrio).

6.10. Lokaj membroj de HEF zorgis pri ekspozicio pri Esperanto en la Oficiala Lernejo de lingvoj de Malago, inter la 14a kaj la 16a de oktobro.

6.11. Okazis evento pri la Internacia Jaro de Lingvoj en Granado. Francisco Javier Martín (Vicprezidanto de Malaga Esperanto Asocio) faris prelegon *Esperanto, planlingvo por unuigi homojn kaj popolojn*.

6.12. En decembro, Tonyo del Barrio faris prelegon pri Esperanto en privata lernejo en Madrido.

## 7. AMASMEDIOJ

7.1. En kelkaj paperaj naciaj ĵurnaloj (*ABC, 20 minutos*) kaj en interretaj (El País Digital, LaNetro.com), kaj en aliaj lokaj kaj regionaj, aperis informon pri la ekspozicio en la komerca centro “Gran Via de Hortaleza”, Madrido. Kelkaj radioelsendoj ankaŭ menciis tiun ekspozicion.

7.2. Manolo Pancorbo kaj Alejandro Pareja estis intervujitaj en la radioprogramoj de RNE “Asuntos Propios” kaj “España Directo”.

7.3. En televido (TVE2) aperis raporton pri Esperanto la Norton LA 17an de marto, kun interveno de Jorge Camacho, inter aliaj.

7.4. La magazino “La Clave” eldonis artikolon pri Esperanto en sia numero de majo. HEF helpis donante informojn.

7.5. Tonyo del Barrio publikigis artikolon pri al influo de novaj teknologioj en la disvolvo de Esperanto-komunumo en la revuo *Boletín de la Sociedad de la Información*, prizorgita pri la firmao Telefónica.

7.6. En la katalunlingva gazeto *Quadern* intervuis la prezidanto de KAE (la asocio estas membro de HEF) Josep Maria Galofré.

## 8. INTERRETO

8.1. Daŭras la plibonigo de la retpaĝaro de HEF. Oni konstatis, ke ĝi estas esenca ilo por ekstera informado.

## 9. BIBLIOTEKO

9.1. Ĝi daŭre estas alirebla de ĉiuj, tamen nur HEF-anoj rajtas pruntepreni. Dum 2008 estis enkondukitaj novaj retservoj kiel disponigi la katalogon. Komencis ankaŭ la skanigo de la granda kolekto de ĵurnal-eltondaĵoj haveblaj en la HEF-sidejo, por krei retalireblan datumbazon.

## 10.ALIAJ AKTIVAĴOJ

10.1. La 12an de decembro okazis inaŭguro de monumento al Esperanto en la placo de Zaragozo nomita “Glorieta del Esperanto” (placeto de Esperanto). Ĝi estis farita kadre de la centjara datreveno de la loka Esperanta societo *Frateco* kaj pere de ĝi.

10.2. Miguel Gutiérrez, membro de HEF, membras ankaŭ en la Akademio de Esperanto.

Originalo subskribita de la sekretario Félix M. Jiménez Lobo.



# PRI GRUPOJ KAJ ASOCIOJ KAJ TIEL PLU

## Alikanto

**LA MONDO EN VIA PLACO**

La 13-an de decembro okazis la Interkultura Tago "La Mondo en Via Placo" sur la Plaza de la Constutución en Guardamar del Segura, sude de Alicante.
Ĝin ĉijare partoprenis la Esperanto-Grupo de Guardamar d.S. ("EGO") sub la UN-temoj de la jaro 2008, nome "lingvoj" kaj "terpomo". Estis kontinue prezentata Esperanto per la video "Mazi en Godolando" kaj abunde ofertataj tranĉaĵoj de terpompano kun mielo kaj cinamo kaj/aŭ aniso. Oni disdonis pli ol 1500 informilojn pri Esperanto en la Hispana, Germana, Angla, Franca kaj Nederlanda lingvoj. Entute sin prezentis 20 nacioj de Eŭropo, Latinameriko kaj regionoj de Hispanio.



La samideanoj de Alicante festis sian Zamenhof-tagon per ĉeestado en la interkultura evento. Maria Jesus Romero, esperantistino kaj ĉefino de la loka "Asocio de Artistoj kaj Skulptistoj" elstaris per sia surplaca aranĝaĵo de 30 seĝoj kun ŝuoj, ĉirkaŭligitaj per bendo el naciaj kaj la esperanta flagoj.
Wolfgang Guenther, Esperanto-Grupo Guardamar del Segura (EGO)

## Andaluzio

***Jaeno kaj Ruchheim***

La nomo de la supra bebo estas Juan. Li naskiĝis la pasintan 19an de februaro 2009, en Jaeno. La intenco de la gepa-



troj Elena kaj Pablo Foche estas ke li lernos Esperanton kaj por tio ili sekvos la konsilojn de spertuloj pri tiu afero kiel



s-no Pedro Hernández, kaj lia edzino Mirjam, gepatroj de la bela Flora, sur apuda foto, kiu naskiĝis en la germana bela urbo Ruchheim, la 31an de januaro de 2009, je la tria matene. Ŝi pezis 3 kilogramojn. Do ni devas gratuli ambaŭ parojn, kiuj havis la bonan ideon naskigi paron da beboj, kiuj beligas nian kvinan paĝon de la bulteno.
Korajn gratulojn!

# Malago

## Prelegaro pri Esperanto en Estepona

Lundo 9an februaro 2009

Kiel ni jam informis, dum la du lastaj semajnoj de januaro, okazis ĉe la IES Mar de Alborán de Estepona (Malago) kelkaj prelegoj pri la internacia lingvo Esperanto. Pluan informon: http://www.esperantoandalucia.org



## Zamenhof-Tago en Malago

Ĉi jare, la grupo de Malago kusidis en la trinkejo "Esperanto", por gustumi ĉokoladon kun "churros" (hispanaj benjetoj). La ĉefa temo estis pri la venontaj kongresoj, hispana kaj andaluza, ĉar la tempo pasas tre rapide kaj nia laboro estas iomete komplika, sed ĉio iras orde kaj ni laboros ĝis la lasta momento por ke la ĉeestontoj ĝuos la eventon.



# *Onubo*

## *ZAMENHOF EN PUNTA UMBRIA*

Kun mia edzino, ni decidis ĉi-jare la vintran sezonon travivi en varma Hispanio. Ni luis apartamenton en ĉarma somerumejo Punta Umbría en la sudokcidenta angulo de Hispanio. Por buntigi nian restadon en Hispanio ni vizitis kelkajn apudajn urbojn: Palos de la Frontera kun la monaĥejo la Rabida, Malago, Kordovo, Huelva. En la Rabida estas modeloj (en vera grando) de ĉiuj tri navetoj per kiu Kolumbo malkovris novan mondon, foririnte el la apuda Palos de la Frontera. En Kordovo ni partoprenis la Kongreson de andaluziaj esperantistoj kaj en Malago ni vizitis bonege organizitan ekspozicion de malagaj esperantistoj en la la Altlernejo por la fremdaj lingvoj.
Tie ni venis al la ideo organizi similan ekspozicion en Punta Umbría, kie ĝis nun ni ne trovis iun ajn esperantiston. En tiu fama turisma loko esperanto estis ĝis nun praktike preskaŭ nekonata.
La konvenan spacon ni trovis en la loka publika biblioteko. Ni planis organizi la ekspozicion por festi la Zamenhofan tagon. Kun la urbaj autoritatoj (Ayuntamiento) ni interkonsentis pri la dutaga aranĝo de 15-a ĝis la 16-a de decembro.
Kun granda helpo de Ayuntamiento kaj loka biblioteko ni organizis ekspozicion pri Esperanto. Ili presis afiŝojn, distribuis kaj gluis ilin tra la urbo, sendis invitleterojn al la gravaj personoj de la urbo, kaj ankaŭ al niaj invititoj.
La ekspozicion solene malfermis konsilianino el la Kultura departamento de la urbo, en la tago de naskiĝo de Zamenhof, la 15-an de decembro je la 18.30.

Ĉeestis ankaŭ loka televido kaj ĵurnalistoj. Ege impresis sciigo de la fakto ke, en la sama momento komenciĝas la Zamenhofa festo en la sidejo de Unesko en Parizo.
Reeĥo al nia aranĝo estis tre impresa. En la ĵurnalo ODIEL de provinca urbo Huelva estis publikigita artikolo pri la ekspozicio kun la foto. En la loka semana gazeto VIVU PUNTA UMBRIA Estas publikigitaj du artikoloj. Sur la ekstera, lasta paĝo aperis mallonga artikolo kun foto, titolita SALUTON! Sed en la interna paĝo, estis publikigita longa artikolo ESPERANTO KONIGAS PUNTA UMBRIA PRI SIA KARAKTERO (sur formato A3) kun foto. En la artikolo estas detale priskribita nia lingvo,kaj movado, ĝia evoluo kaj hodiaŭa stato. Bedaŭrinde la kontribuon de la loka televido ni ne vidis kaj ni ne scias kion ili diris pri la ekspozicio.
Estis antaŭvidita dutaga daŭro de la ekspozicio. Sed la direktorino de la biblioteko petis nin daŭrigi ĝin ankoraŭ tri tagojn, ĝis la vendredo. Kun plezuro ni faris tion. Dum tiuj kvar labortagoj la ekspozicion vizitis pli ol 150 vizitantoj de la biblioteko, preci-




pe junaj gelernantoj kaj gestudentoj. Sed la ĉefa efekto estis diskonigo de la faktoj pri esperanto al legantoj de la gazetoj en Punta Umbría (15.000 loĝantoj) kaj Huelva (150.000 loĝantoj).

Djordje Obradovic



# ARAGONO

**Nova ZEO en Zaragozo**




Esperanto estas ne nur lingvo. Ĉi tiu frazo ŝajnas al mi trafa esprimo koncerne al nia verda idiomo. Ĉiam tia mi sentis Esperanton. Oni povus percepti ke Esperanto estas dudimensia: lingva formo kun interna ideo. Ĉi tiu idealisma perspektivo klarigas iel multe da niaj emoj kaj emocioj...
Ekde la 13a de decembro, ekzistas nova ZEO (Zamenhof/Esperanto-Objekto). Konkrete, en Zaragozo (Hispanio), en Ĝardenplaco Esperanto, estis inaŭgurita monumento dediĉita al Esperanto. Ĝi okazis kadre de la 100-jariĝo de la asocio "Frateco", laŭ projekto de esperantisto (Jaime de Benito) kaj per volontulaj kontribuoj de esperantistoj.
Dum la inaŭguro, mi kiel Prezidanto de "Frateco", parolis pri Esperanto kaj pri la monumento laŭ tiu dudimensia skemo.
Pri Esperanto, alvenis al mi du menciindaj citaĵoj. K. Kalocsay skribis: "Lingvo kaj sento, jen estas Esperanto".
Jes, ja: bona lingvo farita per bona emo (cio) por faciligi komunikadon internacian, tio estas, cele al pli bona mondo.
La brazila poeto Vinicius de Moraes donacis al ni belan bildon: "La vivo estas la arto de la renkonto".




Kaj uzante tion, mi dirus ke Esperanto estas arta renkonto de lingv(istik)a ideo kaj humanisma idealo. Eĉ "Frateco", la nomo de nia asocio, povus esti ia maniero nomi tian internan ideon.
Pri la monumento, same oni povas konsideri ke estas kombino de du elementoj: vorto kaj bildo. Koncerne al vortoj sur ŝildo, siavice aperas du idiomoj (esperanta kaj hispana) kaj du flankoj (literaturo kaj lingvo). La ĉefa vorto estis ESPERANTO tuj post la mencio de la komenco de la teksto de La Espero (zamenhofa poemo kaj esperanta himno): "En la mondon venis nova sento...". Pri la figuro, same oni povas konsideri ke estas kunmetaĵo de du figuroj (kvarangula piedestalo kaj sfera reprezento de terglobo), kunligo de du stiloj (rektaj kaj kurbaj linioj).
La ronda terglobo (farita per cirkloj kaj vakuo) memorigas nin pri la unueco de nia planedo kie vojaĝas ni homaranoj tra la spaco kaj tra la tempo.
Eble la sento(j) tro invadis ĉi tian perspektivon. Sed Esperanto kaj ĉi tiu monumento estas verko aperinta el la koro. Kaj oni ne povas forgesi ke Esperanto ne nur estas mirinda lingvo sed ŝanco por interkonatiĝi kun mirindaj personoj: NI SE KUNE, DES PLI BONE.

***Lorenzo Noguero***

# ***ASTURIO***

Ĉi-jare la esperantista festo de la E-grupoj de Asturio okazis en Gijón dimanĉe la 14an de decembro. Organizis ĝin nia E-rondo, ASTURA ESPERANTO-ASOCIO. Rimarkendas ke ĉi-foje la ĉeestantaro estis malpli granda ol kutime. Speciale perceptebla estis la foresto de samideano Juan Manzano Bartolomé, ĉiama partoprenanto en niaj renkontiĝoj; li forpasis antaŭ iomete pli ol unu monato.
Sed estis aliaj forestoj tiel de gasamideanoj el Gijón kiel de Avilés. Verŝajne la kialo de tiel malgranda partoprenantaro en tiu esperantista akto estis la vetero kiun ni suferas aŭ ĝuas de antaŭ kelkaj semajnoj: pluvo, pluvego, hajlo, malvarmo, frosto... Fakte, tiuj kiuj kuraĝis adresiĝi, je la antaŭakordita horo, al la loko de la renkontiĝo (en la strato **Esperanto**), tuj devis celi ŝirmejon en tie proksiman kafodrinkejon.



# KANTABRIO



La 13an de decembro okazis en la restoracio "Las Palmeras" la kutima komuna vespermangxo por festi la Zamenhofan Tagon, kaj la Esperantan Librotagon. Gxin partoprenis 21 membroj kaj simpatiantoj de KantEA.

Komence de januaro aperis la 16an numeron de la asocia informilo Saluton.

La 23an de januaro okazis la cxiujara Gxenerala Kunsido de KantEA. La asocia kotizo dauxre estas 15 euxroj kaj la Estraro dauxre konsistas el jenaj homoj: Prezidanto, Miguel Gutiérrez; Sekretario, Pedro Ullate; Kasisto: Susana Gutiérrez; Biblioteko kaj ekskursoj, Fina Diez; Informilo, Juan Azcuénaga.

La 3an de februaro, la prezidanto de KantEA prelegis pri Esperanto en la Gimnazio "Valle del Saja" de Cabezón de la Sal. La prelego celis plurajn lernantojn de la 4a kurso de ESO, kiuj partoprenas en Esperanto-ateliero gvidata de profesorino Marina Llano Cofiño.



Fine de la arangôo, oni transdonis al la biblioteko de la gimnazio ekzempleron de esperanza lernolibro.
Profitante sian viziton al Cabezón de la Sal, Miguel Gutiérrez transdonis po unu ekzempleron de la libroj "Esperanto, curso del idioma internacional" kaj "Esperanto: lengua y cultura" kune kun ekzemplero de la DVD "Esperanto". La librojn akceptis Ana Lilia, prizorgantino de la Publika Biblioteko de la urbo.

La 21an de februaro, kelkaj membroj de KantEA pasigis belegan tagon ekskursante al la dig-lago Alsa.

La 22an de februaro, reprezentanto de KantEA faris gxeneralan koncizan informon pri Esperanto al grupo el 98 homoj.

Kiel kutime, la membroj de la asocio dauxre kunvenas cxiuvendrede, de la 20:00 gxis la 21:00, kun komuna vespermangxo la unuan vendredon de cxiu monato.

M. Zocato

# ***KATALUNIO***

## ***Kataluna Kongreso***

***Jorge Pavón***

Kiel ĉiun duan jaron, Kataluna Esperanto Asocio organizis sian kongreson, kiu ĉijare kunigis ĉirkaŭ 170 homojn de la 6a ĝis la 8a de decembro. La elektita loko estis Sabadell, lulilo de esperanto en Katalunio. Ja grava strato tie nomiĝas Zamenhof kaj eĉ havas malgrandan monumenton kun memorplato. Tie troviĝas la sidejoj de du esperantaj asocioj: KEA kaj KAE. Sabadell estas ankaŭ la urbo de Jaume Viladoms (1913-1976), elstara instruisto, esperantisto el sia infanaĝo kaj marksisma aktivulo. Li fondis lernejon, nun 50 jaraĝa, nuntempe nomata laŭ lia nomo.En la kongresejo Casal Pere Quart viziteblis ekspozicio pri li.

Inter la eksterlandaj prelegantoj venis la profesoro kaj UEA-eksprezidanto Humphrey Tonkin, la barata profesoro A. Giridhar Rao, la redaktisto de Etnismo Nicole Margot, la mikrobiologo Đore Kasimir, la kanstisto Alejandro Cosavella el Argentino, la disko-eldonisto Floréal Martorell kaj Arno Lagrange el Francio, konata pro sia aktivado en teatro.

La ĉi-jara temo estis «Esperanto kaj tutmondiĝo: perspektivoj por la estonto» Laŭ tiu malpreciza titolo disvolviĝis diversaj programeroj:
Tonkin prelegis pri «Tutmondiĝo, diverseco, esperanto» kaj poste pri la influo de la poemoj de Zamenhof en la esperanto-kulturon, A Giridhar Rao dufoje prelegis pri lingvaj kaj kulturaj problemoj en Barato, Óscar Puig klarigis la kialojn por daŭre esti esperantisto, Abel Montagut parolis pri Globiŝo (simpligita angla por internacia komunikado) kaj pri la rekonstruo de verko de Jules Verne kie esperanto rolas, Nicole Margot pri etnismo, Elisabet Abeyà prelegis pri «oriento kaj okcidento» Aliaj temis pri Kaŭkazio, esperanto-muziko, ĝeneral-semantiko, komputiloj, aŭtomata tradukilo, Afganio, Argentino, Vikipedio, la reta projekto klaku.net, la kroata lingvo kaj la socilogia esploro pri katalunaj esperantistoj. En la korto Mon Cardona instruis popolajn dancojn. Pro tiu densa programo tre ofte samtempis du aŭ eĉ tri aktivaĵoj kio ebligis al kongresanoj elekti, do la impresoj pri la kongreso povas esti tre malsimilaj.






*" Duonhora pluvego" la alia teatraĵo de la Teatra Trupo de Tuluzo.*

Vespermanĝo ne signifis la finon de la kongrestago, ĉar du noktojn, en alia ejo (halo renovigita por junularaj aktivaĵoj) oni povis spekti teatraĵon de la tuluza esperanta trupo kaj la koncertojn de respektive Alejandro Cosabella kaj Martin Wiese, ĉefkatisto de la ensemblo Persone. Post la koncertoj la halo fariĝis senkosta amasloĝejo por kongresanoj.
Dum la fermo venis tre emociiga momento kiam oni omaĝis la elstaran esperantiston Llibert Puig pro lia delonga agado. Li kortuŝite ricevis memorplaton dum la tuta salono ekstaris por aplaŭdi. Poste oni adiaŭis la tre konatan aktivulon Hèctor Alòs, kiu tuj enloĝiĝos en Rusio.
Resume oni povis ĝui tri tagojn bone profititaj kaj memorindaj.



# VALENCIO

## ZAMENHOFA TAGO EN VALENCIO (HISPANIO)

La 13an de decembro oni festis en la hispana urbo Valencio la Zamenhofan Tagon. La aranĝo komenciĝis ĉe la sidejo de Grupo Esperanto de Valencio, pere de saluto al la ĉeestantoj, kaj klarigo pri la signifo de tiu evento. Poste okazis prelego pri "Esperanto en Ĉinio", far Augusto Casquero, kun prezentado de fotoj, kaj de video kun kantoj far ĉinaj esperantistoj, krom kelkaj salutmesaĝoj en video-formo, de samideanoj el diversaj landoj, ĉefe el Ĉinio. Poste ĉiuj iris al apuda restoracio kie oni povis gustumi tipe valencian manĝon.
Loka esperantisto anoncis sian pretecon doktoriĝi en Esperanto ĉe AIS-Sanmarino. Li jam havas preskaŭ finita la doktorigan tezon, pri genetiko.
La etoso estis tre agrabla kaj amikeca. Kelkaj novaj esperantistoj ĉeestis unuafoje. Oni konstatis ke la nivelo de Esperanto ege pliboniĝis. Praktike ne okazis krokodilado.

Augusto Casquero



## *Biografio de Giordano Moya*

Giordano Moya naskiĝis en la urbo Terrassa apud Barcelono, Hispanio, la jaron 1915, kaj forpasis en Terrasa la 15an de februaro la jaron 2009. Lia patro estis kamparano anarkiisto sed tre diktatorema ene de la familio, tiel do GM akceptis ankaŭ la patran ideon. En lia junaĝo li lernis Esperanton en la jaro 1936 kaj partoprenis en diversaj politikaj kaj kulturaj asocioj de Terrassa. Post kelkaj jaroj li komencis konstati, ke per la perforto, violento kaj detruo de entreprenoj, preĝejoj kaj fabrikoj oni ne solvos la problemon de la socio. Mi devas mencii, ke en tiu epoko, agrikulturo kaj la teksaĵa industrio estas la solaj ebloj.

La patro de G.M. decidis krei kaj organizi kokinejon, la afero tre sukcesis kaj atingis pli ol 10.000 kokinojn dum kelkaj jaroj.

Dum la intercivitana hispana milito 1936-1939, la plimulto el la gelaboristoj estis analfabetaj, pro tio G. M. estis elektita de la respublikaj aŭtoritatuloj de Terrassa prezidi agrikulturan kaj industrian organizon. Post la fino de 1938 li partoprenis en la milito en Aragono apud Katalunio. Pro tio, ke li eĉ ne sciis nek deziris pafi, li estis malliberigita kaj juĝita de la respublika armeo.
Li kaj amiko eskapis el la barako kaj dum kvar tagoj piede vojaĝis nokte ĝis Terrassa.
Kompreneble li devas vivi kaŝe, sed kurioze kiam la armeo de Franko eniris en Terrassan li estis ankaŭ en la listo de la persekutitoj pro lia agado kiel prezidanto de kelkaj organizoj. Tiel do, li devis kaŝi dum ses jaroj en la kokinejo kaj aliaj lokoj de la bieno.



Li pasis la menciitaj ses jaroj legante kaj studante: historion, matematikon, astronomion, Esperanton, Homaranismon, internacian ideon, ktp. Iom post iom la politika situacio mildiĝis, li atingis sian membrokarton kaj komencis vivi libere kun sia edzino Dolors; naskiĝis du filinoj: Flora kaj Aŭrora, li studis en universitato.
**Esperanto-Agado.** En 1951 okaze de la unua Hispana Kongreso de Esperanto en Terrassa post la milito, li partoprenis tre aktive kaj aliĝis al Hispana Esperanto-Federacio kaj Universala Esperanto Asocio kiel FD (etiko) ĝis 2005 ĉar lia malsano ne permesis al li daŭrigi sian E-agadon. Kompreneble li kaj lia edzino ĉeestis en ĉiuj Hispanaj Kongresoj de Esperanto, Barcelona E-Renkontiĝoj, Internaciaj Esperanto-Semajnoj kaj Universalaj Esperanto-Kongresoj: 1968 en Madrido, 1992 en Vieno, 1995 en Valencio, 1995 Tempere.




Li eldonis unue en kataluna lingvo sed 1981, kie li rakontas sian vivon ekde la Diktaturo de Primo de Rivera, La Respubliko, La Intercivitana Milito kaj La Diktaturo de Franko. Laŭ G.M., la verko *L'Aventura Humana* estas krio favore al libereco kaj digno de la homo, kaj kontraŭ la milito kaj la armitaj perfortaj revolucioj. Novan projekton li preparis nomita "Sociala-Humanismo" kaj eldonis bultenon por prezenti internacie siajn pensojn, sed post kelkaj jaroj la projekto ne sukcesis kaj li decidis dediĉi sian tempon nur al la verkado de prelegoj kaj verkoj en Esperanto, ĉar li konstatis ke la politika situacio ne estis favora por daŭre verki en la kataluna. En tiu epoko li estis vicsekretario de Barcelona Esperanto-Centro.

Li reverkis la unuan verkon laŭ la titolo *La Homa Vivaventuro* 1987 nia centro decidis eldoni ĝin kaj eldoni la estonajn verkojn. En 1989 aperis Esperanto en Prospektivo. En 1995 aperis *Survoje al Universala civilizacio*. En 2002 aperis *Esperantisto prelegoj kaj Eseo*j.

Jam en la jaro 1985 la estraro de Hispana Esperanto-Federacio kun sidejo en Valadolido, petis al al Barcelona Esperanto-Centro akcepti la Federacion en Barcelono, tuj mi kontaktis kun GM kaj li akceptis la postenon redaktoro de Boletín de HEF kaj mi — la postenon prezidanto. Tiu kunagado daŭris 5 jarojn. Multe pli oni povas paroli pri la Esperanto-agado de Giordano Moya. Ekzemple en ĉiuj kongresoj, kunvenoj, renkontiĝoj, li verkis prelegojn por diversaj revuoj kiel *La Gazeto, SAT, Boletín*, ktp. Liaj obstinan ideoj ĉiam estis la edukado de la personoj; la eblo de ĉiu persono decidi sian propran vivon; labori kontraŭ ĉiuj militoj kaj perfortaj revolucioj. Li opinias ke per la perforto nenion oni solvos. Forigi la landlimojn inter la ŝtatoj. La geesperantistoj ne devas krei propran nacion aŭ landon, kontraŭe ĉar jam ekzistas tro da landoj kaj landlimoj. Plaĉas al li la kreado de Eŭropa Unio, ktp.

Salvador Aragay

**LA PREZIDANTO DE GRUPO ESPERANTO OMAĜITA**

La 14an de februaro en Valencio (Hispanio) okazis la Ĝenerala Kunveno de ties membraro. Fine de la kunveno oni faris kortuŝan omaĝon al la Prezidanto de la asocio, S-ro José Pérez Sempere, pro lia grandega, multjara kaj sindona laboro por la asocio. Oni enmanigis al li belan memorŝildon, por kies aĉeto kontribuis la membroj de la asocio.

S-ro Sempere estas la animo de la Grupo. Konstanta laboranto, ĉeestanto, solvanto de la problemoj, kaj kiu dum multaj jaroj tenis vivantan la torĉon de Esperanto en Valencio, kaj la amikecon inter la membroj.

Augusto.

# EVENTOJ

**3 - 6. aprilo** 2-a Mezorienta Kunveno en İznik, Turkio. Renkonti samideanojn, partopreni diskutojn, aŭskulti prelegojn kaj turismumi en belega ĉirkaŭaĵo, kun mezorientanoj kaj alimondpartanoj!. Inf.: Renato Corsetti, Murat Özdizdar, Tom Juval , rete:

mezorienta.kunveno@gmail.com

**8 - 14. aprilo** 33-a IJF (Internacia Junulara Festivalo) en Giulianova, Italio. La tradicia paska renkontiĝo organizata de la Itala Esperantista Junularo pritraktos ĉijare la temon "Eŭropa integriĝo". Inf.: IEJ, Michael Boris Mandirola, ijf.admin (ĉe)esperanto·it

**9 - 12. aprilo** Kekso en Creglingen, Germanio. Renkontiĝo por junuloj inter 15 - 25 jaroj kaj sen partoprenkotizo ĉar estas subvenciata! Inf.: Kekso, Am Kreuzberg 5, DE-63776 Mömbris, Germanio. Rete: jampgade@web.de

**11 - 14. aprilo** Kongreso de SAT-Amikaro en Pau, Francio. SAT-Amikaro estas Franclingva LEAO de SAT. Inf.: OKK SAT Amikaro, 40 rue Pasteur, FR-64000 Pau, Francio. satamikaro2009@gmail.com

**1 - 3. majo** 14-a VER, Volgia Esperanto Renkontiĝo - en urbo Samara, Rusio.Inf.: Samara Esperanto-klubo Kuznecova Jelena, espersam@yandex.ru

**7 - 11. majo** Nacia Interasocia Kongreso de Esperanto en la urbo Troyes en Francio. Inf.: rete Claude Nourmont

**7 - 11. majo** Nacia Interasocia Kongreso de Esperanto en la urbo Troyes en Francio. Inf.: rete Claude Nourmont

**16. majo** Jarkunveno de Svisa Esperanto-Societo en La Chaux-de-Fonds, Svisio. Inf.: Grosjean Mireille mirejo.mireille@gmail.com

**22 - 24. majo** Jarkongreso de la Sveda Esperanto Federacio. Sveda jarkongreso en regiona folklora centro. Borlänge situas en Dalekarlio en meza Svedio. Tuttaga ekskurso al mondfama kupromminejo kaj al subĉiela montara operejo la 22-an de majo (alveno la 21-an de majo). Inf.: Sveda Esperanto-Federacio, Vikingagatan 24, SE-11342 Stockholm, Svedio, rete: sefkongr09@esperanto.se

## *Ĉirkaŭ la mondo*

### DISDONADO DE DIPLOMOJ EN LA KURSO DE ESPERANTO EN FOSHAN (ĈINIO)

La 26an de novembro okazis oficiala kaj kortuŝa ceremonio de disdonado de diplomoj al la gelernantoj de la kurso de Esperanto, okazinta en la Altlernejo pri Porprofesiaj kaj Teknikaj Studoj de la ĉina urbo Foshan, proksime de Kantono.

Kvindeko da gelernantoj (kaj kelkaj profesoroj) ĉeestis la kurson.

La gelernantoj, kiuj aktive kaj entuziasme partoprenis la kurson, ricevis la diplomon "Parto A". Ĉiuj esprimis sian deziron daŭrigi la lernadon de la internacia lingvo, kio okazos ekde marto ĝis junio 2009.

Dum la instruado oni uzis ĉiujn pedagogiajn kaj teknikajn rimedojn. Ja tiu altlernejo estas sufiĉe bone ekipita, kun ĉiuj bezonataj teknikaĵoj: komputiloj, projekciiloj, granda ekrano, ktp.

Unu el la plej ĉatataj partoj de la kurso estis tiu, dum kiu oni kontaktis pere de la reto esperantistojn el aliaj landoj, ĉefe junaj (el Pollando, Francio, Ukrainio, ktp). Ili havis la eblecon aŭskulti kaj paroleti kun tiuj alilandaj samideanoj. Vere ili restis ravitaj pro tiu sperto.

La etoso de la kurso estis tre agrabla. Ĉiuj gelernantoj estis vere laboremaj kaj diligentaj, kaj tre ĝentilaj. Por mi, kiel profesoro, ankaŭ tiu sperto estis ege agrabla, kaj pro tio mi revenos al Ĉinio por daŭrigi la instruadon, en respondo al la insista peto de ĉiuj.



Speciale oni devas danki la direktoron de la lernejo, s-ro Peng Jin, organizanto kaj motoro de la kurso, kaj la lokajn esperantistojn, s-ro Lin, prezidanto de la Esperanta Asocio de Kantono, kaj s-ro Liu Weizhuan, enerala Sekretario, kaj kun-instruanto de la kurso.

Por la daŭrigo de la kurso, "Parto B", oni anoncas pli amasan partoprenon. Eĉ multaj el la lernantoj de la hispana lingvo enviis iliajn kolegojn, kaj volas baldaŭ aliĝi al la kurso de Esperanto.

Ĝenerale ekzistas ideo ke por ĉinoj lerni fremdajn lingvojn estas malfacile. Tamen mi ne spertis tion. Eĉ mi povas diri ke ĉinoj pli facile lernas fremdajn lingvojn ol alilandanoj la ĉinan.

Sola malagrablaĵo por mi estas la fakto ke, kvankam ni ĉiam propagandas ke pere de nia lingvo oni povas koni aliajn landojn kaj kulturojn, havi amikojn en la tuta mondo, tamen tio rilate ĉinojn estas nur duonvero. Ege malfacilas por ili havi la eblecon vojagi al aliaj landoj. Ni havu la esperon ke Esperanto helpos detrui ne nur la lingvajn barojn, sed ankaŭ la doganajn barojn.

Augusto Casquero

## *LA CIFERECA GAZETOTEKO de la NACIA BIBLIOTEKO*

*Hemeroteca Digital* (Cifereca Gazetoteko) estas projekto de la Nacia Biblioteko de Hispanio, kiu celas ebligi la retajn konsultadon kaj diskonigon de la historia gazetar-kolekto konservata en la Biblioteko.

Ĉi gazetoteko naskiĝis en marto de 2007 kaj donas aliron al cirkaŭ 150 titoloj de gazetoj kaj ĵurnaloj aperintaj inter 1683 kaj 1979.

En la datumbazo troviĝas ĉiaspecaj publikigaĵoj: politikaj, satiraj, humuraj, sciencaj, religiaj, ilustritaj, sportaj, frivolaj, artaj, beletraj…

La mastrum-programo permesas serĉi jen difinitan titolon, jen aron de eldonitaĵoj el la sama loko aŭ dato. Ankaŭ eblas retrovi ajnan temon en la ciferecigita teksto per OCR (*Optical Character Recognition*, optika signorekono). Ĝi redonas la periodaĵojn en elŝutebla pdf-formato.

Bele, ĉu? Sed, kiel tio aparte interesu nin, esperantistoj? Nu, ĉar en pluraj el tiuj gazetoj kaj ĵurnaloj aperis, jen kaj jen, artikoloj pri esperanto, kelkaj sufiĉe interesaj ankaŭ el la plej fruaj tempoj de nia lingvo.

Tajpu la vorton "esperanto" en la kampo *"Texto"* kaj la sistemo redonos kolekton de dokumentoj, kie aperas priaj legindaĵoj. Ĉar OCR ne estas tre rafinita serĉo-sistemo, foje ĝi konfuzas similajn vortojn kiel, ekzemple, "esperanto" kaj "esperanza". Sed tiaj mislegoj povas esti eĉ amuzaj. Ĉiel ajn penvaloras la traserĉo ĉar ĝi permesas al ni scii kiuj ĵurnaloj interesiĝis siatempe pri esperanto kaj kiel ili pritraktis la aferon.

Cetere, la gazetoteka enirpaĝo donas aliron ankaŭ al aliaj ciferecaj gazetar-kolektoj same indaj je esploro. Ekzemple, tiu de *"Biblioteca Virtual Miguel de Cervantes"* aŭ *"ARCA, Arxiu de Revistes Catalanes Antigües"*.




Cifereca Gazetoteko: enirpaĝo.

.Hemeroteca Digital: http://hemerotecadigital.bne.es/inicio.htm
Serĉ-formularo: http://hemerotecadigital.bne.es/cgi-bin/Pandora
Aliaj ciferecaj gazetotekoj: http://hemerotecadigital.bne.es/recursos.htm

Ana Manero



ros: «Al villano con la vara de avellano» y á los segundos «la letra con sangre entrá.» Hoy les atribuye importancia: mañana los despojaria de sus derechos de ciudadanos.

¡Qué edificante conducta!

—Papeles.—Hallándose en la tercena de tabacos de esta córte el nuevo papel sellado para pago de los derechos de matrículas en las escuelas y universidades, se avisa al público para su conocimiento.

—Abrigos.—Se saca á pública subasta el suministro de 400 varas de paño y los curtidos que se consideren necesarios para calzado de los acogidos en los asilos de mendicidad de San Bernardino.

—Se abrirá.—Segun dice *La Esperanza*, la muerte del eminentísimo señor arzobispo de Toledo ha sido la causa principal, segun hemos oido, de que no se haya inaugurado ya, como estaba dispuesto, el hospital de la Princesa: mas parece que esta ceremonia debe verificarse muy pronto.

—Violinista.—Nuestro compatriota el distinguido violinista don Jesus de Monasterio, ha sido agraciado con la cruz de caballero de la órden de Cárlos III.

—Al panteon.—Es positivo que el señor Fuentes ha cesado en el gobierno civil de Málaga. Ignoramos todavia quien será su sucesor.

—Alcaldía constitucional de Madrid.—De los partes re-

procedentes de la Península y
33.482,700. El principal artí
ña ha sido el algodon por val
baco importado representa u
del azúcar importado de Cuba
do 16.191,714, y el de Puert
estos guarismos que sujetánd
los partidarios de la doctrina
en favor de España y sus is
pesos.

CRONICA D

—¿En qué quedamos?...—
ticia, dice *El Diario Españo*
zuela ha solicitado el privileg
Madrid las composiciones de

SECCION I

BOLSA

Títulos del 3 por 100 con
Títulos del 3 por 100 dife

Ekzemplo de OCR-mislego.

En la pasinta numero de Boletín aperis artikolo pri LEGANGULO, sed oni forgesis inkludi la ligilon al la paĝo , kiu estas jena:

**http://www.esperanto.es/biblioteko/legangulo**

**Eblas ankaŭ aĉeti la 2 librojn rekte en HEF-Oficejo (ĉiulundaj vesperaj kunvenoj de MEL)**
**Oferto kontraŭkriza de Madrida Esperanto-Liceo**
**okaze de la 150a datreveno de la naskiĝo de Zamenhof**

EL HOMBRE QUE DESAFIÓ A BABEL (de Henri Masson kaj René Centassi)
**kaj** NUEVO MÉTODO DE ESPERANTO (de Fernando de Diego)

**La du libroj, hispanlingvaj, kostas kune nur 20 eŭrojn, inklude sendelspezoj por Hispanio**

Mendoj:
Persone, en Rodríguez San Pedro 13, 3º, Madrido (HEF-oficejo lunde vespere post 18.30)
Per retpoŝto: <saluton@wanadoo.es > [saluton (ĉe) wanadoo.es]




Por mendoj ret/paper/poŝtaj konfirmu ke vi faris bankan pagon al la konto de Esperanto-Liceo de Madrid ĉe Banco Sabadell-Atlántico, konto numero **0081 7110 98 0001266730** *(ne forgesu indiki vian nomon en la transpago)*

Ankaŭ eblas mendi la librojn **kontraŭremburse** (tio okazigas krompageton)

Mendoj de pli ol 10 ekzempleroj de ĉiu libro: konsultu favoran oferton.




"El hombre que desafió a Babel" estas bonega biografio 334-paĝa pri Zamenhof, verkita far René Centassi kaj Henri Masson, tradukita hispanen el la originaloj franca kaj esperanta far la skipo de tradukistoj de Madrida E-Liceo.

# Ĉiuj rajtas partopreni la Hispanan Kongreson

**Kongresa Temo :**
Tema del Congreso / Kongresa Temo:

**El esperanto es útil / ESPERANTO UTILAS**

- *Justificación / Pravigo*

a) porque realmente el esperanto es útil actualmente / char esperanto utilas nuntempe;

b) por el pragmatismo de Occidente / pro la pragmatismo de Okcidento;

c) porque se debe disponer de una argumentación sólida que desmienta el bulo de que el esperanto es solamente un intento fracasado / ĉar estas necese disponi solidan argumentaron por refuti ke esperanto malsukcesis/as;

d) porque afortunadamente disponemos de abundante literatura en Esperanto / ĉar bonsorte ni disponas abundan literaturon en – kaj pri Esperanto.
- *Ponencias / Raportoj:*

**Oficiala lingvo estos Esperanto kaj la kastilia**

**La ĉefa celo** de nia kongreso estas prezenti al la fakuloj tutmonde, ke Esperanto estas ne nur lingvo por kontaktoj kaj kunlaboro inter la esperantistoj, sed la fakuloj-neesperantistoj partoprenonte nian kongreson povus mem kompreni kiamaniere Esperanto povus esti utila por iliaj intertnaciaj fakaj kontaktoj. Por tio ni estos tre dankemaj al Vi, se Vi povus mem partopreni kaj ankaŭ inviti Viajn gekolegojn .

**Temoj de la prelegoj**-

La prelegonto povas prezenti koncize sian prelegon kaj poste estos diskutoj pri la temo. La plenan tekston de la prelego ni publikigos post la kongreso en prelegaro. Ni petas la prelegontojn ĝis 25.05 sendi al ni resumojn de la prelegoj ,ĉar ni dezirus disdoni ilin al la partoprenontoj en la komenco de la kongreso.

- Teatro y Poesía en Esperanto / Teatro kaj Poezio en Esperanto
- Informática y Ciencia en Esperanto / Informatiko kaj Scienco en Esperanto
- Política y Esperanto / Politiko kaj Esperanto
Economía y Esperanto / Ekonomio kaj Esperanto

SE RUEGA A LOS INTERESADOS EN PARTICIPAR EN ALGUNA DE LAS PONENCIAS LO COMUNIQUEN al Comité Organizador antes del día 1 de mayo de 2009 enviando cumplimentado el siguiente escrito a /

esperanto@adslmail.es

ONI PETAS DEZIRANTOJN PARTOPRENI IUN RAPORTON INFORMU PRI TIO al Organiza Komitato antaŭ la 1a de majo 2009 kaj tiucele pleniginte la suban skribaĵon sendu ĝin al:

esperanto@adslmail.es

# ESPERANTA CIVITO

La Esperanta Civito estas la konsekvenca realigo de raŭmismo, unika pro sia institucia karaktero.
*Raŭmismo aplikas al esperanto la principon de la moderna lingvistiko, laŭ kiu ĉiu vivanta lingvo estas kaj komunikilo kaj identigilo. Zamenhof mem jam konsciis pri tio, proponante hilelismon/homaranismon kiel mondpercepton kaj parolante kiel unua pri la ekesto de esperanta popolo.*
*Post jaroj da teoria diskutado formiĝis organize la raŭmismo. 9-11  1998 en La Chaux-de-Fonds (Svislando) okazis la unua Forumo por la Esperanta Civito, stariginta Pakton surbaze de Kvintezo,* (la unua teksto aperinta en ***Literatura Foiro*** 170, decembro 1997, nomiĝis la Kvintezo. Al tiu platformo aliĝis pluraj esperantistaj establoj) *kiu konstatis, ke " la esperanto-komunumo estas senŝtata diaspora lingva kolektivo al kiu homoj apartenas pro libera elekto, aŭ pro libera konfirmo kaze de denaskaj esperantistoj".*
*Al la Pakto aliĝis 17 diversspecaj establoj, ĉiuj el Eŭropo. 2 jun 2001 en la 3ª Forumo en Sabloneto (Italio) la Esperanta Civito estis fondita. Al ĝi aliĝis dek kelkaj sendependaj establoj. Kiel la unua konsulo de la Civito estis elektita pola sociologo kaj filozofo Walter Żelazny, loĝanta en Francio.*

*Je 27 okt 2003 al la Pakto aliĝis:*

*Andaluzia Esperanto-Unuiĝo (Hispanio)*
*ASSI (Italio)*
*Bonan Apetiton ((Svedio)*
*Centro Espero (Bulgario)*
*Esperanta PEN-Centro (Svislando)*
*Esperantista Domo de Kulturo Kirĉev (Bulgario)*
*Esperanto-fako de ELTE-universitato (Hungario)*
*Esperanto Charente (Francio)*
*Esperanto-Societo Sukceso (Bulgario)*
*Laborista Esperanto Grupo en Padova (Italio)*
*Itala Interlingvistika Centro (Italio)*
*Kooperativo de Literatura Foiro (Svislando)*
*Kultura Centro Esperantista (Svislando)*
*Teatro Esperanto (Pollando)*
Redakcioj de Debrecena Bulteno (Hungario)
Heroldo de Esperanto (Svislando)
Literatura Foiro (Bulgario)



## Nuntempe estas en la Forumo la sekvaj paktintaj establoj:

| Eniro | Nomo | Fondo | Delegito(j) |
|---|---|---|---|
| **Eniro** | **Nomo** | **Fondo** | **Delegito(j)** |
| 1998 | Heroldo de Espe-ranto | 1920 (CH) | Aneto Muhlemann, Ivanka Stoyanova |
| | Esperanto-Societo Sukceso | 1963 (BG) | Aleksandar Hole-vitch |
| | Esperantista Kultur-domo Razgrad | 1972 (BG) | Milena Makaveeva |
| | ELTE-Esperantofako* / *** | 1965-2005 | |
| | Kultura Centro Es-perantista | 1968 (CH) | Daniel Muhlemann, Anne Marcanti |
| | Debrecena Bulteno | 1970 (HU) | Agnes Verrasztó |
| | Literatura Foiro | 1970 (CH) | Dany Todorov |
| | Kooperativo de Literatura Foiro | 1980 (CH) | Marc Hiltbrand, Etel Zavadlav |
| | Itala Interlingvistika Centro | 1985 (IT) | Tiziana Rogora |
| | ERA - Esperanto-Radikala Asocio** | 1998-2001 | |
| | Teatro Espero Var-sovio | 1990 (PL) | Jerzy Fornal |
| | Esperanta PEN-Centro | 1991 (CH) | István Nemere, Christian Declerck |
| | Ruslanda Esperan-tisto* | 1991-2002 | |
| | Espéranto Charente | 1997 (FR) | Patrick Boursicot, Jacques Morin |
| 2001 | Bunta Mondo*** | 1990-2003 | |
| | Laborista E-Rondo de Padovo | 1995 (IT) | Giancarlo Rinaldo |
| 2002 | Andaluzia Esperan-to-Unuiĝo | 1982 (ES) | Angel Arquillos |
| | ASSI Scout Italio | 1975 (IT) | Nico Grisafi |

| Eniro | Nomo | Fondo | Delegito(j) |
|---|---|---|---|
| 2003 | Restoracio Bon' Apetit' *<br>Centro Espero | 1996-2007<br>1995 (BG) | Dimitar Papazov |
| 2004 | Tietti-Instituto en Togolando | 1997 (TG) | Mensah Attiogbe-Agbemadon, Koffi Gbeglo |
| | Feminisma Esperanta Movado | 2004 (CH) | Bernard Henry, |
| | Studenta Eŭropa Esperanta Ligo | 2004 (IT) | Paolo Sorgi |
| 2005 | Kooperativo Esperanto-Amikaro | 1999 (VE) | Johano Negrete, Mayra Núñez Hernández |
| 2006 | Meksika Esperanto-Federacio | 1996 (MX) | Luis Raudón Uribe |
| 2006<br>2007<br>2008 | Societo Internacia por Paco Universala<br>Jogambara Instituto de Esperanto<br>Esperanto-Federacio en Niĝerio | 2002 (BI)<br>1981 (NP)<br>1995 (NG) | Libére Mudende, Jérôme Niyokinde<br>Gambhir M. Shestra<br>Prince Henry Oguinye, Israel Chigo Uhuegbu |

ĉeso, ** retiriĝo, *** eksigo (Foruma Reglamento, art.5)

**Instancoj**

En la Esperanta Civito oni difinas la elementajn strukturojn sub la vorto **instanco.**

*La instancoj povas referenci:*

*a) al la plenumo de la konstituciaj povoj.Tiurilate estas:*
*Primaraj instancoj (Kapitulo, la Parlamento, la Kortumo) kaj*
*Sekundaraj instancoj; ( Registro, Civita Banko, legacioj, Lingva Komitato).*

*b) Ili povas esti tute ne antaŭviditaj de la Konstitucio, kaj plenumi specifajn celojn, kiel Komitato Armand pri esperantistoj en prizono aŭ la sciencaj institutoj.*

*Neniu instanco rajtas peti aliĝon al la Pakto kiel establo. Tial la Civito ne estas subsidua al la instancoj, sed ili depende rilatas al la ekzekutiva povo, ofte laŭ specifa leĝo.*

**Strukturo**

> *La Esperanta Civito havas federisman strukturon.Ĝian parlamenton formas Forumo kaj Senato.*
> *La establoj aliĝintaj al la Pakto estas reprezentitaj paritete (egalrajte) en asembleo nomata Forumo. La membroj aŭ abonantoj de tiuj establoj rajtas peti la civitanecon kaj tiel elekti la Senaton, kie la diversaj listoj de individuaj civitanoj estas proporcie reprezentitaj.*

*La Konsulo estas la ĉefkandidato de la gajninta listo: li reprezentas oficiale la Civiton, prezidas la Parlamenton kaj gvidas la ekzekutivan instancon, nomatan Kapitulo. La Konsulo (aŭ la Vickonsulo pri informado) responsas pri la retagentejo HeKo, organo de la Esperanta Civito.*

**Baza dokumentaro:**

*Literatura Foiro* 170, (decembro 1997)
*Manifesto de Raŭmo (1980)*
*Pakto por la Esperanta Civito (lanĉita la 10an de aŭgusto 1998)*
*Konstitucia Ĉarto ( 2an de junio 2001)*
*Universala Deklaracio pri la Lingvaj Rajtoj (6an de junio 1996)*

Andrés Martín

# Kuriozaĵoj

En decembro 2008 la Sennacia Banko lanĉis sian novan mondan monunuon: Mono. Kiel lanĉoferto, la monbiletoj estis vendataj laŭ la kurzo Y1000 por M100. Nun estas la tempo lasi al la libera merkato elformi la veran valoron de la monunuo. Do jen nia unua aŭkcio ĉe eBay...




Rete

# Diversaj

## Verda Stelo

## 25 jarojn kantante en Esperanto

La koruso Verda Stelo estis kreita de Pedro Vilaroig kaj Juan Carlos Ruiz en la jaro 1984, ene de Madrida Esperanto-Liceo, kun la celo krei novan koncepton de muzika ludado. La koruso komencis kanti en Esperanto, unue en malgrandaj esperantistaj kunvenoj kaj iom post iom etendante siajn ludadojn al pli ampleksa spaco. Ĝi riĉigis sian repertuaron per folkloro kaj klasikaĵoj en aliaj lingvoj, cele al aŭdaca kaj ampleksa formo de arta ludado.

Okaze de la Universala Kongreso de Esperanto ĝi prezentis, en la Muzika Palaco de Valencio, la kantaton en Esperanto "La profil' de viaj spuroj", komponita, surbaze de teksto de Miguel Fernández, fare de ĝia direktoro kaj fondinto Pedro Vilaroig, akompanata de la Simfonia Orkestro de Valencio. La koruso Verda Stelo estas membro de la Korusa Federacio de Madrido, partoprenante en ĝiaj aktivecoj ene kaj ekster la Madrida Komunumo.

.

La Korusa Asocio Verda Stelo stariĝis oficiale en Madrido la 12an Decembro 1985.

La celoj de ĉi asocio estas:

Promocii inter siaj membroj la emon al la korusa muziko en ĉiuj landoj kaj kulturoj.

Promocii inter siaj membroj la intereson por la internacia lingvo Esperanto kaj ĝia rilato kun la muziko kaj la folkloro.

Disvolvi sociajn, kulturajn kaj muzikajn aktivecojn same enlande kiel eksterlande, kun speciala atento al la publika prezentado de korusaj komponaĵoj.

Esti vehiklo de kultura interŝanĝo inter diversaj etnoj per la muziko kaj la lingvo Esperanto.

En la jaro 1987 estiĝis la Orkestro Verda Stelo, kiu koncertis kaj akompanis la koruson dum kvin jaroj.

Nuntempe la koruso, direktita de Laura Carballo, havas proksimume tridek gekantistojn kaj faras siajn kantoprovojn en la preĝejo San Francisco el Grande de Madrido; en ĉi preĝejo ĝi partoprenis en kelkaj elsendoj de la Hispana Televido.

Ĝia partopreno estas petata por ĉiaspecaj prezentadoj,kiuj ampleksas konkursojn (Habaneras de Torrevieja) , recitalojn en privataj centroj, akademiaj eventoj, kulturcentroj, geedziĝoj, kongresoj, omaĝoj



Nacia Aŭditorio, Teatro Monumental, ktp. (ĝi estis alvokita por la amasa koncerto en Madrido, fiaskinta pro la pluvo, de la franca muzikisto Jean Michele Jarre).

Lastatempe (11an Januaro 2009) ĝi aperis en la programo "Conciertos" de la dua ĉeno de la Hispana Televido, en kiu ĝi partoprenis en la prezento de la "zarzuela" "Viva la Verbena", de Luis Aguilé.

Ĝia repertuaro en Esperanto estas multnombra, en kiu elstaras la "Ave Maria" komponita de Pedro Vilaroig.

**Lupe** (kun datumoj de inter-reto)

## ***La legantoj poemas***

Tra la pinar' soleca
mi perdis mian vojon,
kaj la birdar', kaŝite,
pepadis sen kompat'.

La anoj de la grupo
atendis por agad',
dum mi traserĉis padojn
sen zorgi pri atend'.

Verŝajne ili traktis
la tutan poetaron,
dum trafis mi kialon
sufiĉan por solec'.

Kani

Mi informas, ke la retservo RememberTheMilk.com nun estas disponebla en Esperanto, tradukita de mi.

http://blog.rememberthemilk.com/2008/12/seven-new-languages-available.html

Temas pri Web 2.0-a ilo por organizigxi -- krei listojn de farendaĵoj kun limdatoj, alarmoj, k.s. Oni povas havigi ilin al kunlaborantoj aŭ familianoj, aldoni RSS-fluon de taskoj al ies RSS-ilo, aŭ uzi ĝin kune kun Google Calendar, iPhone, ktp.

Por trovi la Esperanto-version iru al:
Ĝuu, kaj raportu eventualajn traduk-problemojn al mi, mi petas.
laŭ [programistoj-respondas]

fonto: Ret-Info

## ***Formozo***

*Eternaj praloĝantoj*

*de Tajvano: profundaj*

*vulkanoj, bestoj buntaj*

*kaj plej diversaj plantoj.*

*Jorge Camacho*



## Nicolas López Escartin

Esperantisto de la kvindekaj jaroj ekde tiu periodo kiam ankoraŭ regis diktaturo en Hispanio kaj Esperanto estis ekricevinta la permeson por reaktivigi la Movadon en nia lando.

La gejunuloj venis al nia sidejo, strato Roda (ankaŭ Santa Isabel) kun granda iluzio kaj vizitis la rondon Frateco, ĉu por partopreni en E-kurso, aŭ tute simple por konversacii kun la aliaj kolegoj. La ĉiutaga praktikado havis kiel rezulton la korektan prononcadon de la lingvo. Inter tiuj junuloj López Escartin kaj sia edzino Pilar, ambaŭ elstaraj kiel lernantoj en unu el tiuj kursoj kiujn mi gvidis en la jaro 1951.

La esperantistaj veteranoj timeme venis iom post iom. Esperantaj kursoj ĉiam funkciis pluraj en nia sidejo, kaj la tutlanda E-gazeto Boletín, sub gvidado de Luis Hernández Lahuerta (“La Legema Koboldeto”), estis unu el la plej bone redaktataj en Esperanto en Eŭropo.

Ekzistis vera intereso por lerni nian lingvon, kaj la idealo de la Esperantismo estis profunde sentita. En la dua postmilita E-kongreso okazinta en Valencio (1952) amaso da zaragozaj geesperantistoj partoprenis ĝin. La kulmino estis kiam la tutlanda E-kongreso okazis en Zaragozo (1954). Kaj tiel intense funkciadis Esperanto en Zaragozo dum pluraj jaroj.
En 1961 estis elektita prezidanto de HEF la rektoro de la Universitato de Zaragozo Don Miguel Sancho-Izquierdo, kaj tial en 1962 estis translokita al la Aragona ĉefurbo la sidejon de la Federacio kaj la redaktejon de Boletín.



Estis elektitaj kiel redaktoroj Emilio Gastón, Angel Salete kaj Nicolás López Escartín. Estis tiu ĉi laste citita, López Escartin, la vera ĉefredaktoro, ĉar nur li havis la sufiĉan talenton kaj regadon de la lingvo por redakti esperantistan gazeton.

Tiu periodo kiel redaktoro de López Escartín estis de intensa aktivado, ĉar krom tiu redaktora tasko li faris aliajn: ekzemple, li tradukis al Esperanto broŝuron “Hispanio por vi” de la Ministerio pri Informado kaj Turismo, tre utila por la esperantistaj eksterlandanoj kiuj tiam partoprenis en niaj ĉiujaraj kongresoj, tial lia domo estis dum tiuj jaroj kvazaŭ hotelo uzita de eksterlandaj esperantistoj, kaj tiuj rilatoj devigis lin partopreni en eksterlandaj E-Kongresoj.. Ankaŭ li tradukis la verkon “La Vojo” de Escrivá, kaj anoncis en “Boletín” la

prezenton kaj kritikon de ĉiu libro en Esperanto tiam aperinta, do fakte li faris beletre ĉion kion oni bezonis en la ĉiutaga disvolviĝo de la Federacio kaj nia gazeto.

Kompreneble, venis momento kiam li devis forlasi tiom da taskoj, sed li restis tiel fervora esperantisto kiel en 1951 kiam li esperantiĝis.

Kiel mi jam anoncis en la lasta Boletín Nicolas López Escartín forpasis en novembro de la pasinta jaro. Permesu al mi, karaj gelegantoj, ke mi finu ĉi tiun artikoleton per poemo, kiun mi dediĉas al li kaj al lia vidvino, esperantistino kaj profesorino pri muziko:

**Al nia s-ano Nico López Escartin**

Forpasis nia amiko Nicolás,
forlasis nin esperantist' elstara
ne nur klera, talenta kaj fervora
sed ankaŭ idealisma kaj saĝa.

Kiam li lerte redaktis Boletín
ni, la esperantistoj tuj rimarkis,
ke nia gazeto tial elstaris,
vere leginda kaj dokta ĝi estis.

Viziti lian domon estis ĉiam
kvazaŭ vizito al arta muzeo:
libroj milope, porcelanfiguroj,
ĉio kio al klera hom' allogas
kaj fortimpaktas en la kor' plezuron,
kaj tio ni ja forgesos neniam!

En nia memoro restas ja freŝaj
niaj kolokvoj dum dimanĉmatenoj,
ni komentis esperantistproblemojn,
ankaŭ pri arto kaj beletreventoj.



Mi esperas ke la beletraj dioj akceptu al nia kara amiko kaj per kaleŝo el arĝent' kaj oro alportu lin al mond' el fantazio kiun ni ofte ideale revis por la homar' kaj la esperantismo.
Restu por ĉiam en nia memoro
kara Niko, kiel tre saĝa homo!

Antonio Marco Botella
Januaro 2009

***NEKROLOGO***



**Vicente Hernández Llusera** (1915-2009) dumviva membro de UEA kaj Heroldo de Esperanto. Faka delegito de shua industrio ĝis la jaro 1991, forpasis la 10-an de februaro en Sabadell. Instruisto de Esperanto. Kunfondinto de KAE (Kultura Asocio Esperantista) Li jam tre juna lernis nian lingvon kaj aktive rolis en la Sabadell Esperanto-movado. Ni kondolencas la edzinon, filinon, bofilon kaj genepojn.

**Giordano Moya Escayola**



(1913-2009) . La pasintan 15an de februaro, forpasis nia kara kaj sindonema amiko kaj samideano, kiu multe laboris pro Esperanto, kaj lasis bonajn verkojn, kiel: *La Homa Vivaventuro* kaj *Esperanto en Propektivo.* Sur la paĝo 13a de ĉi bulteno, ni povas legi mallongan biografion pri li.
Ni kondolencas lian familion.